# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 26/07/2018 Tricentokdekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

## Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

*PMEGramatilko* *Uzindaj ligoj* *Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon.* *reta-vortaro* *
*Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* **Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 714,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **402,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **302,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **10,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online



# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".



## N.ro 38 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .




La pasintsemajne menciata kvazaŭkontraŭdiro kaŭziĝas pro la grado de la forteco de la signifoj de la du elementoj en kombinita esprimo, la determinato, la ĉefelemento, kaj ĝia determinanto, ĝia komplemento. Tiu gradaro iras de kompleta kunfandiĝo, sinteze aglutina kunmetado (tablotuko), ĝis kompleta analizado (tuko por la tablo) kun almenaŭ unu grado inter la ekstremoj. La gradodiferenco ĉe la kombinaĵo de ĉefelemento kun sia komplemento (determinanto) iras el de rezulta unu signifo de la kombinaĵo al klaraj du nocioj. Ni devas danki la eŭropajn lingvojn ke ili inventis tiun sistemon, apenaŭ uzatan en neeŭropaj lingvoj, kaj nenecesan. Ni uzas la komplikecon en niaj lingvoj sen konscii pri tio. Bonŝance! Sed kiam ni lernas fremdan lingvon, speciale la "facilan" Esperanton, ni devas almenaŭ iomete konscii pri la diferencoj. Aliaj, neeŭropaj, lingvoj ne bezonas la gradodiferencon.

(daŭrigota) *Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 21a de Julio estis la tria sabato kaj venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham, kaj Ian Wylles.

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĝ a r d e n p r o b l e m o j .



## MI FORHAKOS DU TRIONOJN DE MIA TILIOARBO.

Antaŭ duona jarcento mi plantis en mia ĝardeno tilion (Tilia vulgaris, European linden). Kaj tro proksime mi plantis cedron (Cedrus atlantica, atlas cedar), kaj purpuran fagon (Fagus sylvatica atropunicea, purple beech) kaj oran fraksenon (Fraxinus excelsior aŭrea, golden ash), kaj blankvinan fraksenon (Fraxinus raywoodi, claret ash). Pro tiu interproksimeco ĉiuj kreskis altege ĉirkaŭ la tilio, kiu post kelkaj jaroj de sia plantatado splitiĝis en tri trunkojn, same altaj nun kiel la ĉirkaŭaj arboj. Du el la tritrunka tilio malhelpis la cedron kreskigi siajn branĉojn same longe norden, ses metrojn, ol suden, dek metrojn. Por ĝustformigi la cedron mi do devos fortranĉi du el la tri tre altajn trunkojn de la tilio. Por tio mi ne bezonos uzi ŝtuparon, kion mia kuracisto malpermesis al mi. Cetere mi trovas la segilon tro peza por supren porti ĝin. Krome mi ĉiam havas samfamilianon ĉe mi, por la kazo de akcidento, kio bonŝance ĝis nun la lastajn sesdek jarojn ne okazis. Malproksima najbaro, profesia arbotranĉisto, post emeritiĝo tranĉis arbobranĉon super sia tegmento, kiu branĉo falis alidirekte ol li intencis, frakasante lian dorson ĝis kripleco por sia tuta vivo. Mi forsegis centojn da arboj, dekojn kun trunkdikeco de duona metro, kvankam tio sen permeso ne estas permesata. Miaj najbaroj neniam plendis ĉe la aŭtoritatoj. Kaj mi kapable kaj sendanĝere faris la laboron, verŝajne pli ol la aŭtoritatoj. Same kiel la gramatikon de Esperanto kaj aliaj lingvoj.





*Marcel Leereveld*

.

## MALFACILAĴO POR ANGLOLINGVANOJ.

Kial ni nun ne foriras? Ĉar ŝi nun ankoraŭ manĝas. (= *still*).

Kial ci pensas ke ŝi malsatas? Ĉar ŝi plu_ manĝas. (= *does not stop*).

Kial ŝi estas malsata? Car ŝi ankoraŭ ne manĝis_(= *not yet*).

Kial ŝi ne plu manĝas? (= *no longer*). Ĉar ŝi jam estas sata. (= *already*).

Kial ŝi plu manĝas? (= *does not stop*). Ĉar ŝi ne jam satas. (= *still not*).

Kial ŝi ne estas malsata? Ĉar ŝi jam manĝis. (= *already*).

Kial ŝi jam ne manĝas? (= *has stopped already*). Ĉar ŝi volas foriri frue.

Kial ŝi ne jam manĝis? (= *not yet*). Ĉar ŝi plu ne malsatas. (= *still not*).

Kial ŝi ne ankoraŭ manĝis? (= *was not eating*).

Ĉar ŝi ne komencis manĝi. (= *never started*).

*Do: not yet* = ankoraŭ ne (AŬ ne jam). Kaj: *still* = plu (AŬ ankoraŭ).

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Prelego pri Esperanto (en la Angla lingvo)



Interesa prezento de Esther Schor pri Esperanto.

https://www.youtube.com/watch?v=ZsHQCk46IvI



Amike, *Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 741 2018-07-19

**ESPERANTO-TAGO 2018 - 26 JULIO 2018**

Internaciaj Organizaĵoj kreis tagojn por ĉiuj gravaj problemoj de la homaro, sed ankoraŭ ne por Esperanto. Bonŝance, esperantistoj jam de jaroj elpensis festi la Tagon de Esperanto la 26-an de julio ĉiujare. Temas pri la dato en kiu aperis la Unua Libro de Esperanto.

La festo okazas ankaŭ ĉi jare. Ĝi estas festotago en kiu esperantistoj klopodas konigi Esperanton al neesperantistoj. Ekzistas materialoj, afiŝoj kaj tekstoj nacilingvaj, utiligeblaj por informi pri la Tago kaj pri Esperanto. Vi povas elŝuti ilin el la reta paĝo: www.linguistic-rights.org/esperanto-tago. Tiuj materialoj estas kreitaj de laborgrupeto kunlaboranta kun la estrarano pri informado de UEA.

Bonvolu elŝuti tiujn materialojn kaj informi per ili la neesperantistojn en via medio.

Se la afiŝo kaj la klariga teksto pri tiu tago ne ekzistas vialingve en la retpaĝo, bonvolu traduki la necesajn frazojn, tekstojn. La tradukan laborfolion vi ricevos sendinte vian kunlaborintencon al la adreso traduko@linguistic-rights.org.

Vi povas mencii ankaŭ pri la UK en Lisbono kie oni diskutos pri tutmondiĝo kaj pri la partopreno de samlandano via en la UK. Jen sugestata teksto: www.gazetaro.org/2018.

Laŭgrade ni konvinkos ankaŭ la internaciajn organizaĵojn oficialigi tiun tagon, kiel tagon de lingva justeco kaj sekve de justaj interrilatoj de kulturoj kaj etnoj.

Kontakto: cid.emilio@gmail.com. Informis AEon *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gratulojn al mia filo



Mia filo Dominic doktoriĝis pri kvantuma fiziko pasintmonate en Kalifornio, Usono. Venontmonate li komencos labori kiel esploristo ĉe la MIT universitato apud Bostono.

Amike, *Nicole Else*

ESPERANTO-TAGO
26-a de Julio 2018



## Antaŭ 131 jaroj aperis la Unua Libro en Esperanto

## En Esperantujo estas Festo, Ĝojo, Vivo, unuvorte ESPERO.

Okaze de tiu festotago en la Esperanto-kulturo, la teamanoj de E-fako de Legio de Bona Volo (LBV) kreis filmeton, kiu prezentas agrablan muzikan poezion. Per ĝi ni deziras alporti al la koroj de ĉiuj agemuloj en Esperantujo la stimulon kaj bonan energion cele al la tutmonda progreso de la Internacia Lingvo.

Bonan festotagon kaj agrablan spektadon!

**ESPERO MORTAS NENIAM**

**VIVU ESPERANTO!**




LBV

# Sennacieca Asocio Tutmonda.





En Esperantujo ekzistas unika asocio, kian oni ne trovas en la ne-Esperanta mondo. Ĝi uzas kiel laborlingvon nur Esperanton, sed ĝi ne propagandas nek instruas Esperanton. Ĝiaj precipaj celoj estas, uzi Esperanton tiel ke la membroj fariĝu pli kleraj kiel agantoj por emancipiĝi en la batalo kontraŭ sia ekspluatiĝo en la nuna socio. La asocio ne favoras iun ajn politikan tendencon, sed helpas siajn internaciajn membrojn vaste informiĝi, per diskutado en siaj gazetoj kaj kongresoj, pri ĉiuj aliaj politikaj kaj sociaj filozofioj de la membraro aŭ ĝenerale. La gazetoj ne cenzuras tiujn ideointerŝanĝojn, en kiuj oni milde aŭ akre povas kritiki aliies filozofion kaj politikan starpunkton. La rezulto estu ke tiel la membroj povas en paca harmonio lerni pri aliaj starpunktoj politikaj kaj tiel pli kleru en siaj propraj opinioj. Ĉar ĝiaj gazetoj ne cenzuras la liberan ideointerŝanĝadon, la naciaj politikaj partioj kaj registaroj ne ŝatas la edukan laboron de S.A.T. Tamen ĉar la celo estas la politika emancipiĝo por plibonigi aŭ ŝanĝi la malbonecon de nia socio, debatoj pri aliaj temoj, ekz. religiaj, interdiskutadas nur se tio koncernas la politikan idearon. Por ne perdi tempon kaj energion. Diskutoj pri la lingvo Esperanto estas tia flankaĵo.

La Asocio havis, antaŭ Stalin, tre multajn membrojn en Rusujo, kaj investis ĉiun sian kapitalon en tiu lando por tie eldoni siajn librojn kaj gazetojn. La centra administrejo estis tamen ĉiam en Parizo. Ĉar la rusa registaro jam sub Lenin ŝanĝiĝis de marksisma demokratio al diktaturo de la Rusa Komunista Partio, aperis en la gazetoj de S.A.T. multaj kritikoj pri tiu lando, kaj ankaŭ defendoj. En la dudekaj jaroj de la pasinta jarcento la rusa registaro sub Lenin oficiale postulis ke la gazetoj kaj libroj de S.A.T. ne plu permesu artikolojn kun kritiko al la rusa ŝtato, sed S.A.T. ne akceptis tian cenzuron, pro sia konstitucio de libera ideointerŝanĝado. Sekve la rusa registaro ordonis ke rusoj ne plu rajtu esti membroj de S.A.T. kaj ke eldonaĵoj de la Asocio ne plu rajtu eniri la landon. Tiel S.A.T. perdis tre multajn membrojn, kaj krome la registaro konfiskis la librostokon kaj la kapitalon kaj tiel ŝtelis ĉiun havaĵon de S.A.T. Dum la postaj kelkaj jaroj, antaŭ ol Stalin malpermesis Esperanton komplete, la rusoj plu rajtis lerni kaj uzi Esperanton, sed nur ekster S.A.T.

Nun, post preskaŭ cent jaroj, S.A.T. plu ekzistas kaj plu faras sian unikan laboron per Esperanto, pace intereduki unu la alian pri politikaj ideoj pri kiuj la anoj de diversaj politikaj

partioj en sia loka medio furioze interbatalas. Ĝis iu alia registaro kun politika cenzuro, eble la ĉina au la turka aŭ la persa (irana), malpermesos ĝian laboron.

En Aŭstralio, kompreneble, S.A.T. ne estas nek estos malpermesata.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Serĉo por Adolf Mildwurf

*Martin Purdy* NZ

Unu el la neforgesendaj Esperantistoj en la nova libro de E. Borsboom, "Kie miozotas memor'" (1), estas Adolf Mildwurf. Ĉi tiu naskiĝis en Przemysl, en la nuntempa Pollando, en 1900, esperantistiĝis en 1916, kaj fariĝis instruisto laŭ la Cseh-metodo en la 30-aj jaroj, vojaĝante kaj propagandante interalie in Danujo. Mankas ĉiu spuro de Mildwurf inter 1933 kaj 1945, sed li reaperas en Britio post 1946, nun kiel senŝtatulo. Denove li vojaĝas kaj propagandas Esperanton, kaj fariĝas brita civitano en 1957. Post 1964, kiam ĉesas lia korespondado kun Andreo Cseh, li denove malaperas, kaj Borsboom notas, ke en la E-eldonaĵoj eĉ mankas nekrologo – ni ne scias, kie kaj kiam li mortis.

Leginte tion, mi serĉis en la retpaĝaro por genealogio findmypast.co.uk por trovi, ĉu estas spuro de s-ro Mildwurf en la elektronikaj registroj. Por Adolf Mildwurf – nenio. Sed por "Mildwurf" kun mortodato inter 1960 kaj 2000 mi ja trovis *Abraham* Mildwurf, kiu naskiĝis je la 10-a de februaro 1900 kaj mortis en Londono la 20-an de aprilo 1978. Tiu Abraham aperas en la registroj por Camden, Londono, en 1959, do nelonge post kiam Adolf akiris britan civitanecon. Lia mortoloko (2) estas proksima al Camden – je nur kelkaj stratoj pli norde.

Mi trovis alian interesaĵon: liston de studentoj en 'Gymnasium' (altlernejo) en Przemysl, la naskiĝloko de nia serĉato, en 1915: ĝi entenas la nomon Abraham Mildwurf! (3) Same en germanlingva libro pri judaj aŭtoroj en Aŭstrio, kie oni nomas Abrahamon lingvo-instruisto (4).

Ni povas do hipotezi, ke nia serĉato naskiĝis Abraham, kaj poste ŝanĝis sian nomon al Adolf (pro kreskanta antisemitismo en orienta Eŭropo?) inter ĉ. 1916-1933. Nature, porti la nomon Adolf en Britio dum la dua mondmilito mem kreus problemojn, do li eble re-alprenis sian unuan nomon dum tiu tempo. Ekzistas ankaŭ du versioj de lia familia nomo (2): Mildwurf kaj Mildurf.

Notoj:

(1) Borsboom, Ed: Kie miozotas memor', IEI, Hago, Nederlando, 2017. ISBN 978-90-805651-4-2

(2) Publika dokumento pri postlasaĵoj (el ancestry.com; trovita 29/5/2018): la lasta adreso de Abraham Mildwurf (ankaŭ konita kiel "Mildurf") estis 9B Glenloch Road, London NW3.

(3) Listo de klasanoj en "C.K. Gymnasium" (altlernejo), Przemysl, por la jaro 1914-15, en kiu aperas "Mildwurf Abraham" sub "Class III": http://yourjewishgem.blogspot.com/2014/04/1914-1915-przemysl-school-report-ck.html (trovita 31/5/2018)

(4) Handbuch österreichischer Autorinnen und Autoren jüdischer Herkunft (Manlibro pri aŭstraj geaŭtoroj de juda deveno), Österreichische Nationalbibliothek, Vieno, 2011, en kiu Abraham Mildwurf aperas kiel lingvoinstruisto (sen klara dato pri lia agado kiel instruisto): https://tinyurl.com/mildwurf-sprachlehrer (trovita 31/5/2018)






" Sekva kunveno de BES je la 28a julio ne estos en nia normala renkontejo en la Biblioteko sed ni planas amikan festeton en Mt. Coot- Tha Botanika Ĝardeno je la deka kune kun Ge-Esperantistoj de sud-orienta Kvinslando. Ĉiu gasto estos bonvena. *Peter Danzer*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 14 En kiu mi dungatas de la registaro sesa ero



Estis do noktomezo ! Estingiĝis ĉiuj stratlampoj. Fariĝis tre malvarme. "Jen li venas, la fantomo !" kriis la sinjorinoj. Mi rigardis ĝis miaj okuloj preskaŭ elsaltis el siaj truoj, sed vidis nenion. Ankaŭ la sinjorinoj nenion vidis. Sed ni ĉiuj sentis ion. Precipe malvarmon ! La hundo timis, neniu dubo pri tio, Ĵan estis tre sentema. Struensee suferis tre kruelan morton, kaj jen li preteriras nin de el la fenestro en Frederiksberg Slot, malsupren laŭ la deklivo ĝis la ĉina domo. Tio estis tre ekscita, sed eble tro por la hundo. "Li devus esti videbla, irante malsupren laŭ la deklivo kun sia kapo sub la brako", diris unu el la sinjorinoj. "Li iras malsupren ĝis la kanalo, transiras la ponteton al la ĉina insulo, kaj malaperas en la ĉinan dometon", diris alia.

Mi elĵetis la sinjorinojn el la parko, sed ĉar la ĉina dometo estas unu el la lokoj, kiujn mi devis kontroli unu fojon ĉiun nokton, mi tiun nokton atendis ĝis mateniĝo antaŭ ol mi eniris ĝin.

Unu el miaj patrolejoj estis la Anatomia Instituto de Kopenhago. La instituto estas tiu loko, kie gestudentoj studas medicinon. La konstruaĵo estas, kvankam ĝi nomatas la "nova", sufiĉe malnova kaj timiga en la mallumo.

Unue oni devas eniri la bestejon. Tiu estas la loko, kie sciencistoj turmentas senhelpajn bestetojn. Poste oni devas trairi longan koridoron, kie estas kuvoj plenaj de formalino, en kiu flosas senkapigitaj mortintoj. Ili estas senkapigitaj por ke neniu rekonu ilin. Iuj ŝercemuloj asertas, ke al certaj homoj ili estas rekoneblaj eĉ sen la kapo.

*Daŭrigota* *BobFelby*





Ne eblas lerni naĝadon sen mergiĝi en akvon.
Ne eblas lerni lingvon sen mergiĝi en tiun lingvon.
Aŭskultu Esperantan radion per la reto. Aŭ pli?

Saluton Roger

Ni, malgranda Torquay E-klubo, dankas vin pro via mirinda kontribuo de AE al nia E-komunumo.

Mia edzo Gary kaj mi restos je esperantist-emerita edziĝinta paro en Montreŭ, Svislando en aŭgusto per pasporta servo.

Amike *Marumi Smith* (membro de Torquay Esperanto Kafo Klubo Viktorio)

# TORQUAY Esperanto-Ekskurso

## Dimanĉon 21an Oktobro 2018

11:00 ATM – 15:00 PTM



Tagmanĝo, Ludoj, Rakontoj & Prezentoj, Muziko

Maro-promeno

Torquay Esperanto Kafo Klubo provizos tagmanĝon. Bonvolu porti vian trinkaĵon. Se vi volas veni per trajno, ni kolektos vin je la Marshall V-Line stacidomo (Geelong Linio).

Ni esperas, ke vi povas aliĝi al ni por fari Grandan Ekskurson!

Kantu kune kun Brad Luke, fama loka muzikisto!

Adreso: 86 Alleyne Ave, corner Beach Rd Torquay Vic 3228

RSVP: torquayesperantocoffeeclub@gmail.com

Telefono: +61-3-52612899 John Adams / M: 0409 336 861 Marumi Smith;

